# HELECO organo de Astura Esperanto - Asocio

n-ro 40 (5) SEPTEMBRO - OKTOBRO/84



ADRESO DE A. E. A.

Str. Enrique Cangas, 25
Telefono, 341913 GIJON - 6

- - - - - - - - -

ENHAVO





## LA REVIVIĜO

En tiu ĉi numero, kara leganto, vi rimarkos la miaopinie kontentigan fakton, ke mi revenis. Mi kuraĝas, malgraŭ la nedubebla malfortiĝo de miaj cerbaj kapabloj, aldoni mian tre modestan kontribuon al vere kvalitaj artikoloj por, iamaniere plenigi la disponeblajn foliojn.

Kaj tiu ĉi fakto por mi konsistigas veran "reviviĝon". Jen mi denove sidanta antaŭ mia skribmaŝino kaj kun la espero eltiri el mia cerbo, post laciga mensa elpremado, iajn ideojn per kiuj mi sukcesu plenigi la foliojn, kiujn oni metis je mia dispono.

Kvankam la Jarfino rapide alproksimiĝas ni esperas, ke la lasta numero de la jaro akurate aperos kaj, tiele, ni sukcesu ĝisdatigi la regulan aperadon de nia organo.

Do, jen vi enmanigas kaj jam povas avide tralegi la antaŭlastan numeron de " HELECO " por la nuna jaro.

Ĝis kiel eble plej baldaŭa relego. Ĉion bonan al vi dum la proksimaj festotagoj kaj ĉiam !

ADONIS

# NIA ANTENO

Lastatempe kaj laŭ la batoj, kiujn ni ricevas, ni devas agnoski, ke nin persekutas iaspeca Malbonŝanco. Nin tute ne favoras la sorto.

Hodiaŭ ni devas informi vin pri nia funebro pro la forpaso de du el niaj karaj gesamideanoj.

Unue mi menciu s-anon. Petro Kolodziej, el Glivice (Pollando), kiu kune kun grupo de polaj speleologoj estis esploranta karstaj putoj en kavernoj de nia Nacia Parko en Kovadongo, en nia Provinco. Li suferis asfiksion pro toraka kumpremo, sekve de akcidento, kiun li suferis en unu el tiaj putoj. Kun tiu pola samideano ni jam interkonatiĝis antaŭ du jaroj, okaze de alia samcela ekskurso al tiu sama loko Kovadongo; tiam ni oficis kiel interpretistoj pere de Esperanto inter la tiama pola grupo de speleologoj kaj la tiama prezidanto de la "Nordokcidenta Speleologa Komitato" en Oviedo, ĉar per la angla lingvo, kiun kaj en la Komitato kaj en la pola grupo personoj uzadis, ili ne sukcesis interkompreniĝi.

Kaj en la 11-a de Oktobro kaj pro kormalsano, laŭsajne "brustangino", mortis nia estimata, afabla, kaj al ni ĉiuj tre kara samideanino kaj ankaŭ membro de nia Astura Asocio, s-ino Argentina García Ceñal, kies forpaso konsternigis nin ĉiujn.

Argentina plur-foje vojaĝis kun multaj el ni al E-Kongresoj, ĉu en nia lando mem ĉu eksterlande, tial ni des pli scias pri ŝia sindonemo kaj sincera amiksento por ni ĉiuj. Kaj tial ni des pli bedaŭras sian forpason.

Ni sincere kaj el la fundo de nia koro kondolencas la gefamilianojn de ambaŭ gesamideanoj.

Ke ili pace ripozu.



Tamen, kara leganto, vi pravas. Jes, ankaŭ ekzistas kuraĝigaj kaj kontentigaj okazintaĵoj, kompreneble. Pri ĉi tiuj mi tuj raportos, eĉ se iom koncize.

La 12-an de Oktobro komeciĝis la sezono 84/85 de "MERCAPLANA", kaj de tiam ĉiusabate kaj dimanĉe ni (kiel kutime ĉiam la samaj!) deĵoras en nia stando, super kiu nia E - flago kuraĝe flirtas! Oni senlace informas pri niaj Lingvo kaj Movado kaj klopodas kiel eble plej kontentigi ĉies demandoj.

La saman daton, la 12-an de Oktobro, nia senlaca kaj sindonema Prezidanto, s-ro. Santiago Mulas Gallego, malfermis E-kurson en la ne malproksima urbo Avilés. Pli bone temas pri du kursoj; unu por komencantoj kaj alia por progresantoj, kies klasoj okazas marde kaj ĵaŭde. Laŭŝajne en tiuj kursoj partoprenas gelernantoj, kiuj plene interesiĝas kaj entuziasme lernas Esperanton.

En nia sidejo ankaŭ malfermiĝis du E-Kursoj, kiel ĉiujare, por komencantoj kaj por progresantoj. La Kurso por Komencantoj estas gvidata ankaŭ far nia Prezidanto, la klasoj okazas: lunde, merkrede kaj vendrede. Tiun ĉi Kurson partoprenas dek kvar personoj. Kaj proksimume dekduo da gesamideanoj ĉeestas la Kurson por progresantoj, kiun, ĉi jare kaj pro la sanstato de nia Vicprezidanto, s-ro. Adonis González, sekve de la suferita akcidento gvidas tre kompetenta kaj lerta samideano, s-ro. Miguel Gutiérrez Adúriz, el Santander, kiu nuntempe loĝas en nia urbo. La klasoj de tiu ĉi Kurso okazas marde kaj ĵaŭde.

Dum la venonta Printempo nia Asocio aranĝos grandan ekspozicion pri Ĉinio en la salonoj de la "Katedro Jovellanos", kie estas ankaŭ nia sidejo. Ni jam kontaktis la Ambasadejon de tiu landego kaj oni promesis ĉian helpon por la Ekspozicio. Krom diversaĵn ekspoziciaĵojn eble oni ankaŭ sendos iun ataŝeon el la Ambasadejo por paroladi pri iuj aspektoj de tiu landego.

Nia kara kaj estimata s-ano Julio Argüelles, tiel senlaca kaj sindonema kiel kutime, sukcesas aŭdigi sian voĉon per la tri lokaj radiostacioj. Per "Radio Gijón", kie oni dis-

(daŭrigo sur la paĝo 8)

# La verda komisarejo



## OFICIALA KOMUNIKO

La sindonaj membroj de la taĉmento "Verdastelo" arestis laste la deliktulojn, lingvoteroristojn, kies cirkonstancaron vi povas legi ĉi-sube.

DISTRIKTO DE "BOLETIN", NUMERO 263.

La t.n. JAROJ, kiu dejoras en la paĝo 4, linio 29ª de la 1ª kolumno, sen la deviga finaĵo "n".

La t.n. HELPATE, kiu, en la samaj paĝo kaj kolumno, linio 4ª, uzurpas la oficon de sia parenco HELPATA.

La t.n. UN, kiu tute kontraŭfundamente anstataŭas sian parencon UNU en la linio 8ª de la paĝo 17 kaj aŭdacas praviĝi en la linio 18ª de la paĝo 18, per ankaŭ kontraŭfundamenta klarigo.

La t.n. *BEDAŬRINDA, kiu uzurpas la lokon de sia parenco BEDAŬRINDE en la paĝo 19, linio 2ª.*

La t.n. KOMPILINTAJ, kiu neleĝe anstataŭas sian parencon KOMPILITAJ en la linio 19ª de la sama paĝo.

La t.n. DE, kiu uzurpas la postenon de s-ro DA en la linio 24ª de la sama paĝo.

La t.n. KIU, uzurpanto de la funkcio de s-ro KIUJ en la samaj linio kaj paĝo, kaj en la paĝo 20, linio 18ª de la 2ª kolumno.

La t.n. EL, kiu uzurpas la agadon de s-ro DE en la linio 3ª de la 2ª kolumno de la paĝo 20.

La t.n. ĜIN, kiu uzurpas la rolon de s-ro ILIN en la linio 13ª de la sama kolumno kaj paĝo.

La t.n. SEMAJNTAGO, kiu aŭdacas dejori en la linioj 19-20 de la menciitaj paĝo kaj kolumno sen la deviga finaĵo "n".

La t.n. DONU, kiu uzurpas la metion de s-ro DONI en la samaj paĝo kaj kolumno, linio 28ª.

La t.n. PASINTA, kiu aperas en la linio 3ª de la paĝo 21 sen la deviga finaĵo "n", kaj ripetas tian fiagon en la linio 17ª.

La rondeto *JE LA 61-A AĜO*, kiu uzurpas la lokon de unu el la rondetoj *EN LA AĜO DE 61 JAROJ, 61 JAROJN AĜA*, en la paĝo supre menciita, linio 4ª.

La t.n. DE, kies ĉeesto en la linio 5ª de la sama paĝo malpermesas s-ron ESTIMO kunporti la finaĵon "n".

La t.n. JARO, kiu rolas en la linio 17ª de la sama paĝo sen la deviga finaĵo "n".

La t.n. ATENDANTE, kiu uzurpas la oficon de sia parenco ATENDANTA en la linio kaj paĝo ĵus menciitaj.

La t.n. KELKAJ kaj TAGOJ, kiuj aŭdacas dejori sen la deviga finaĵo "n" en la sama paĝo, linio 22ª.

La t.n. AL, kies ĉeesto en la linio 21ª de la sama paĝo malpermesas s-rojn NIA kaj AMIKO uzi la finaĵon "n".

La t.n. DA, kiu uzurpas la postenon de s-ro DE en la sama paĝo, linio 35ª, kaj ripetas tiun delikton en la paĝo 23, linio 2ª.

La tiel nomata JARAĜA, kiu uzurpas la metion de s-roj JAROJN kaj AĜA en tiu sama paĝo, linioj 2ª, 5ª, 7ª kaj 19ª.

La t.n. B.K-OJN, kiu uzurpas la agadon de s-ro BK. en la linio 19ª de la

(daŭrigo sur la paĝo 10)

# Niaj Geamikoj el....

## ....Bulgario

### HISTORIO DE GABROVO

(daŭrigo)



Unua instruisto en la gimnazio - Neofit Rilski - instruis laŭ moderna instruado, tre konvena por la kondiĉoj en Bulgario alilodidakta instrumetodo - reciproka instruado: pli aĝaj kaj pli talentaj lernantoj helpis al instruisto ekzerci pli junajn kaj nespertajn lernantojn. Tiamaniere oni povis instrui pli grandan nombron (kvanton) da lernantoj.

Aprilov kaj Palauzov enmetas multe da energio kaj altpatriota konscio en la fondadon kaj konfirmadon de tiu ĉi lernejo. Interkonsentante doni po du mil groŝoj ĉiujare, ili metas la 20-an de Junio de 1.832-a jaro, la financan fundamenton de la novbulgara - lernejo. En 1.834-a jaro la konstruaĵo por ĝi estas preta kaj la 2-an de Januaro de 1.835-a jaro Neofit Rilski komenzas la instruadon laŭ indiko de Aprilov en nuntempa bulgara lingvo.

La agado de Aprilov kaj Palauzov estiĝas fundamento ankaŭ de unu grava ĉenero en la kultura kaj kleriga agado de gabrovanoj - gabrova legejo, kiu, kvankam fondita dum la 1.861-a jaro, en sia ĝenro funkcias de la 1.840-a jaro, kiam Aprilov mem fondas bibliotekon ĉe gabrova lernejo kun difinita ordo pri uzado de la libroj kaj enirpermeso de vastaj legantaj medioj. Tiel la fondintoj de la novbulgara lernejo kontribuas al plialtigado de la ĝenerala kulturo de la urbo. Du jardekojn pli malfrue - de 1.861ª ĝis 1.875ª jaro - en la urbo funkcias kvin kulturklerigaj organizaĵoj: la legejo, virina societo "Patrina zorgo", lernanta societo, teatra societo kaj biblioteko de la lernantoj el aliaj bulgaraj loĝlokoj. Ili disvolvas bolantan krean laboron, en kiu la muziko okupas konstantan kaj indan lokon per plenumado de ĥoraj kaj solaj kantoj, de or-



kestraj eroj, de solo-instrumentaj kreaĵoj, oni parolas pri muziko, ktp.

La kanto estas ligita kun multenombraj partoprenoj de gabrovanoj en popolaj bataloj dum la bulgara renesanco. Centro de liberigaj movadoj dum la XVª/XVIIIª jarcentoj estas la malnova ĉefurbo Veliko Târnovo kun loĝlokoj ĉirkaŭ ĝi.

La vigla gabrova loĝantaro, kiu havas la rajton porti armilojn kiel gardanto de Ŝipkana trapasejo, partoprenas en la unua (1.598ª) kaj la dua (1.686ª) jaroj, Târnovaj ribeloj. Pro tio en ĝi kaj en najbaraj loĝlokoj estas detruitaj centoj da domoj kaj preĝejoj, multaj -bulgaroj estas mortigitaj aŭ forigitaj.

Kun intereso kaj espero gabrovanoj observas la disvolviĝon de la aŭstra-rusa-turka milito de 1.787ª/1.791ª jaroj, de la rusa-turka milito 1.806ª/1.812ª jaroj kaj de la patruja milito de 1.812/13ª jaro.

Profundan spuron lasas la partopreno de gabrovanoj en la greka ribelo kontraŭ la osmana regado en la 1.821ª jaro.

En la 1.856ª jaro gabrovanoj partoprenas en la ribelo de kapitano Nikola, kies taĉmento pasas tra la urbo kaj en la 1.862ª jaro en la ribelo de daskal (instruisto) Nikola Stefanov. En la taĉmento de Haĝi Dimitâr kaj Stefan Karaĝa en la 1.868ª jaro estas gabrovanoj, inter kiuj Ivan Pophristov/Vankata/, kiel milita gvidanto, kaj Kosta Evtimov, kiu estis en la batalionoj de Garibaldi. En la sama jaro en Gabrovon venas Vasil Levski (apostolo de la libero), kiu kunligiĝas kun la lokaj revoluciaj agantoj Ekim Cankov, Georgi Boĉarov, Totjo Ivanov, Penĉo Postompirov, kiuj preparas la aprilan ribelon.

La 1-an de Majo de 1.876ª jaro 219 ribelintoj gvidataj de Canko Djustabanov ribelas. La taĉmento havas malfacilajn batalojn ĉe la vilaĝoj Krâvenik, Novo Selo kaj Radecki. La militoperacioj daŭras 11 tagojn. La pogromo daŭras pli ol monaton kaj duono. La osmana regantaro sendas sesmilan regulan armeon sub la gvidado de generalo Fazla paŝa kaj multe da ĉerkeza rajdantaro kaj baŝibozuko (neregula turka soldataro). La murdoj en Gabrovo estas -pli malmultaj ol en la loĝlokoj, kie oni batalis, sed la raboj havas grandegajn dimensiojn.

Bulgario falas subturka jugo en -1.393ª/1.396ª j. La ĉefurbo Veliko Târnovo estas detruita, la reganta klaso estas mortigita, la loĝantaro de multaj loĝlokoj mahometanigitaj. La popolo estas timigita, kaj krude ekspluatita. Multe da riĉa malnovbulgara literaturo estas neniigita. Mulfoje en apartaj lokoj la popolo ribelas kaj la ribeloj estas kruele sufokitaj. Dum 1.876ª jaro ribelas kelkaj regionoj en nia lando. Gabrova regiono ankaŭ ribelas. Kontraŭ -ribelintoj venas generalo





Fazlâ paŝa kun regula armeo kaj ne regula armeo. Por ke turkoj ne detruu la urbon kaj murdu la loĝantaron, gabrovanoj donis elaĉeton 1.200 turkajn lirojn, k.a.

La turkaj soldatoj bruligis en la korto de la Aprillovika gimnazio multajn librojn.

La gvidantoj de la ribelo estis kaptitaj kaj pendigitaj en Veliko Târnovo. En la sama tempo la taĉmento Hristo Botev transpasas la Danubon. En la taĉmento estas kelke da gabrovanoj, inter kiuj estas ĝia milita gvidanto Nikola Donĉev Vojnovski, rusa edukito.

Gabrovo partoprenas en la tuta eklezia lukto, kiu post la Paska agado en la 1.860ª jaro estiĝas amasa. La loĝantaro de la urbo solidariĝis kun la agoj de Ilarion Makariopolski kaj obstine insistis pri la rekono de sendependa bulgara eklezio.

La procedoj kunligitaj kun la ekonomia florado, la naciliberigaj bataloj kaj la kultura pasinteco de Gabrovo estigas favorajn kondiĉojn por frua formado de muzika kulturo je urba modelo kaj por disvolvado de la muzika edukado kaj instruado en la urbo.

Verkis: Kina Prodanova el Gabrovo



# KULTURAJ TEMOJ

## HISPANDEVENAĴOJ EN LA MUZIKA VERKO DE L'SOVETANOJ

La universala transcendeco de l'hispana kulturo, la netaksebla alportado de ĉi tiu lando al la komunhavaĵo de nia civilizacio estas fakto, kiu ne bezonas pruvon.

Granda estas la influo, kiun havis la hispana kulturo sur la arto de l'sovetaj komponistoj, heredintoj kaj daŭrigantoj de l'klasikuloj de l'rusa muziko, komencante per Mijail Glinka (1), kiu starigis la noblan tradicion de amo kaj respekto al la muzika heredaĵo de l'hispana popolo.

La "Hispanaj Uverturoj" de Glinka entuziasmigis siatempe Pedrell-on (2) kaj liajn disĉiplojn, la publikon de Madrido, Barcelono kaj aliaj urboj. Kun la sama varmo ricevis la hispana publiko la "Hispana Kapriĉo-n" de Rimsky-Korsakov, (3) pri kiu Paŭlo Casals (4) diris, ke ĝi estas nobla, belega interpretado de l'animo hispana realigita fare de slavo.

La hispana temo allogis la atenton de l'plej eminentaj komponistoj sovetaj; inter ili Dimitry Shostakovich (5) kaj Arám Jachaturián (6). La temo de l'Ibera Duoninsulo, kiu eniris tre funde en l'animon de la sovetaj komponistoj, kiuj dediĉis sin al ĝi kun pasio, determinis la artan kvaliton de iliaj pli brilaj "hispanaj" paĝoj.

Unu el la plej belaj ekzemploj estas la baleto "Laŭrencia" de Alexandr Krein (7), unuafoje prezentita en Leningrado en 1.940 kaj, poste, en Moskvo (en la Teatro Bolshoy de

l'USSR) kaj en aliaj urboj.La komponisto prenis kiel temon intrigon de Lope de Vega (8) "Fuenteovejuna" verko, kiu ĉiam havis multe de sukceso.Krein kreis baleton epope-popularan profitante prodige la hispanan folkloron. La partituro inkludas melodiojn de l'propre aragona ĥoto kaj de la t.n. "folía" ( popola kanto de la Kanariaj Insuloj) , kiuj estas integriĝa parto de la tuta drama koncepto de l'verko.La brila kaj grandioza interpretado de l'nacia karaktero kaj la noveco de l'koregrafio allogis la publikon. Ĝi iĝis sukceso por la komponisto, kiu komponis poste la muzikon por "La instruisto de dancado ", de Lope de Vega.

En 1.940, Arán Jachaturián kreis partituron, temperamentan melodie riĉan. por "La Vidvino de Valencio";partituro, kiu ne nur sukcesis ornami la spektaklon, sed ĝi fariĝis unu el la verkoj plej popularaj en la koncertaj programoj. En la sama jaro,Tijon Jrénnikov (9) komponis la muzikon por "Don Kiĥoto" de Mijail Bulgákov,(10)kiun la kritikuloj konsideris kiel teatran pecon de alta lirikismo, riĉigita per epizodoj de sukriĉa humoro populara. La verko daŭras inkludita en la nuntempa teatra repertuaro.

Dum la lastaj jaroj,la hispana temo simfonio de Gavriil Popov, (11)pletore drama, kiu allogas pro sia emfazo samkiel la simfoniaj bildoj de "Don Kiĥoto de Kara Karáyev, (12) kiuj ne nur respegulas lian admiron al Cervantes, (13) sed ankaŭ la impresojn de l'vojaĝo, kiun la komponisto entreprenis tra Hispanujo. La peco por piano "Konkurante kun Albéniz" (14), de Rodión Schedrin (15), emocias pro sia profunda vereco kaj originaleco, kiu kvazaŭeĥe , respegulas la animajn statojn de l'aŭtoro de "Iberujo" ; "La bildoj de Hispanujo" de Evgueni Svetlánov (16), allogas pro la riĉeco de sia orkestriteco. En ĉiu el la menciitaj verkoj, kaj en multaj aliaj, aperas la malsamaj etosoj de Hispanujo refraktitaj individue, kreante ampleksan kaj nuancitan gamon de bildoj kaj sentoj.

Specialan intereson vekas en la sovetaj komponistoj la poezio de García Lorca (17). Tia, necesas rememori la ciklon de romancoj "Hispanujo de mia animo", de Kirill Molchánov (18),kun ĝia pasia forto lirika kaj ĝia intensa dramatismo.

Ĉi tiuj kvalitoj fariĝas eĉ pli evidentaj en la "Simfonio nº 14" de Dimitry Shostakovich kies du unuajn movojn inspiris "La cent enamiĝintinoj" kaj la "Malaganino", de Federico García Lorca. La komponisto sentas profunde la animon de la andaluza poeto kaj de la hispana folkloro, kio evidentiĝas en siaj variacioj pri popularaj kanzonoj hispanaj por voĉo kaj Piano.

La plej grava muzika verko, kiun inspiris la versoj de García Lorca estas la ĥora ciklo "Romanceroj" de Nikolay Sidélnikov (19) kies muziko revivigas la bildon de l'poeto; oni perceptas lian lirikon kaj liajn dramajn akcentojn. Ĉi tiu ĥora ciklo disvolvigas plenan panoramon de konfliktaj statoj animaj, kulminante per kvieta brilega finalo.

Kial Hispanujo kaj ĉio al ĝi rilatanta tiel allogas niajn komponistojn kaj nian publikon? Ĉu eble temas nur pri la sorĉo emananta de ĝia folkloro, kiu ĉiam vekas en ni la plej profundan admiron? Ŝajnas ke ekzistas kialoj pli fortaj. La kuraĝa kaj fiera spirito de l'hispana popolo, esprimita per ĝia arto, estas kio inspiras la fantazion kaj la krean intuicion de l'komponistoj.

IVAN MARTINOV, Muzika kritikisto.
(El la ĵurnalo "La Nueva España" , 1.984-05-11, tradukis S.Collado)



## ALEJANDRO CASONA (20)

Alejandro Casona, la plej grava astura dramaŭtoro, estis unuafoje prezentita en Siberio.Lia verko "La arboj mortas stare" estis enscenigita en la drama teatro de l'siberia urbo Tiumen, kiu havas pli ol kvarcent mil enloĝantojn. Laŭ Boris Filipov (21), direktoro de l'verko,"La peco de Alejandro Casona vekis mian



intereson kaj tiun de la teatraj artisto j pro ĝia alta humanismo kaj la forpuŝo de l'maljusteco socia". La spektaklo havis grandan akcepton,tiamaniere ke oni pensas prezenti novan verkon de la fama filo de Besullo (22): " Sep Krioj en la Maro ".( El la ĵurnalo "La Nueva España" 1.984-06-10, tradukis S. Collado)

***********

NOTOJ DE L'TRADUKINTO

1) Mijail Glinka, muzikisto kaj komponisto rusa (1804/1857), aŭtoro de "La vivo pro Zaro)", "Ruslando kaj Ludmila", "La nokto en Madrido" kaj la "Aragona Danco", inter aliaj.

2) Felipe Pedrell, historiisto, komponisto kaj muzika kritikisto, aŭtoro de "Simfonio de la Montoj" pri "Gloso" de Maravall.

3) Rimski Korsakov, rusa komponisto (1844/1908) plene sindediĉintaal la muziko, komponis, inter aliajn, la operojn "Mozart kaj Salieri", "Servilia", "Pan Voredova" kaj "La Hispana Kapriĉo".

4) Pablo Casals, violonĉelisto kaj komponisto kataluna(1878/1973) aŭtoro de "La Vizio de Raj Maestiko", "El Pesebre" kaj "La Himno de ONU". Li formis kun Cotot kaj Tibeau trion kiu akiris faman internacian dum la mezo de la nuna jarcento.

5) Dimitry Shostakovich, soveta komponisto (1906/1975) 5 fojojn ! Premio Stalin. Li komponis pli ol 150 verkojn, inter kiuj elstaras siajn epopeojn.

6) Arán Jachaturián, violonĉelisto kaj komponisto rusa(1904/...) aŭtoro de "Koncert", interpretita en Barcelono dela Simfonia Orkestro de la URSS, kaj la "Danco por piano kaj violono", "Gayanek Spartacus" kaj "Kanzono al Stalin".

7) Alexandr Krein (1883/1951), rusa komponisto, aŭtoro de operoj, muziko por teatro kaj por kino kaj ĥoraj verkoj.

8) Frato Felikso Lope de Vega Carpio (1562/1635). Poeto kaj verkisto hispana tiel nomata "La Fenikso de l'Hispanaj Genioj". Li verkis proksimume 200 verkojn, kiuj enhavas 21 milionojn da versoj. Inter iliaj plej gravaj verkoj elstaras"La Puno sen Venĝo", "La sinjoro de Olmedo", "Fuenteovejuna","Peribáñez", "La Princino Enamiĝinta" kaj "La Famaj Asturianinoj".

9) Tijon Jrénikov ......(?).

10) Mijail Bulgákov (1891/1940). Rusa romanisto. Inter liaj verkoj oni povas citi "Romano Teatra", ne finita, "La instruisto kaj Margarita". Li ankaŭ laboris kiel komponisto verkante "The Wite Guard" kaj "Lítola Pupurea".

11) Gavriil Popov (1890/1940). Soveta verkisto, aŭtoro de l'verkoj teatraj "Moliere", "Don Kiĥoto" kaj "Puskin".

12) Kara Karayev ......(?).

13) Miĥaelo de Cervantes Saavedra (1547/1616). Fama verkisto hispana, aŭtoro, inter aliaj verkoj, de "La Inĝenia Hidalgo Don Kiĥoto de la Manĉo" kaj "La Ekzemplaj Noveloj" (Por pli ampleksa informado, vidu "HELECO" n-ro 29 paĝo 5, noto 2),

14) Isaac Albéniz (1860/1909). Komponisto kaj violonisto hispana, kreinto de l'Lernejo Hispana por Piano. Kiel komponisto verkis la kajerojn de l'suito "Iberia" kaj la hispanajn operetojn "Pepita Jiménez" kaj "Sankta Antonio de l'Florida".

15) Rodión Schedrín ......(?).

16) Evgueni Svetlánov, komponisto rusa, aŭtoro de "Bildoj de Hispanujo", kiun li mem direktis kiel debutanto en nia lando ĉe la fronto de l'Rusa Ŝtata Orkestro".

17) Federico García Lorca (1898/1936). Poeto kaj dramaturgisto hispana, aŭtoro, inter aliaj gravaj verkoj, de "Cigana Romancaro", "Mariana Pineda", "La Sangaj Nuptoj","Yerma", "La Domo de Bernarda Alba", "La Ŝuistino prodiĝa".

18) Kirill Molchánov, komponisto rusa, aŭtoro de operoj.

19) Nikolay Sidelnikov ......(?).

20) Alejandro Casona (1903/1965). Ĉi tiu nomo estas pseŭdonimo de Alejandro Rodríguez Alvarez, fama poeto kaj dramaŭtoro hispana.

Inter liaj multenombraj verkoj, estas citindaj "Floro de Legendoj", eksterordinara verko por infanoj, "La damo de l'tagiĝo", "Nia Natacha", "La Boato sen Fiŝkaptisto", "Krioj en la Maro", kaj "La Arboj mortas Stare".

21) Boris Filippov. Prestiĝa muzikisto rusa kaj Direktoro de Orkestro.

22) Besullo. Loko de l'okcidenta Asturio, kie naskiĝis la fama verkisto "Alejandro Casona".

(Miaj fontoj de informado ne permesis al mi doni informadon tiel kompletan, kiel mi deziris. Mi petas, do, senkulpigon pro la difektojn, kiujn la malsamaj notoj enhavas).

TRADUKIS KAJ NOTIS: SACRAMENTO COLLADO

Ĥiĥono, la 27-an de Aŭgusto de 1984-a

*(daŭrigo de la paĝo 2)*

ponigas al li 15 minutojn, li parolas pri diversaj temoj de la E-movado en la mondo. En "Radio Mar", lunde, la 8-an de Oktobro, li havis je lia dispono 45 minutojn, dum unuhora programo kun muzikaj paŭzoj. Ankaŭ per "Radio Minuto", kie de tempo al tempo li sukcesas paroli, li disaŭdigas novaĵojn pri Esperanto kaj pri nia Movado.

Ni deziras informi vin pri tio, ke je la dispono de niaj gemembroj kaj de ĉiaj personoj ĝenerale, en nia Sekretariejo ni havas Loterion de la numero 58.229, por la lotado okazonta la 21-an de Decembro 1.984-a.

ADONIS

# GENIA IDEO DE LA MONDA BANKO

Antaŭ kelkaj monatoj mi legis, en ĵurnalo de Barcelona, artikolon pri la reviglígo de la ĉasado de elefantoj en Kenjo, sub la patroneco de la Monda Banko. En la prologo de la artikolo legiĝas jene: La ĉasistoj-milionuloj helpos solvi la senlaborecon. La bonaj epokoj de la ĉasado kaj de la "granda blanka ĉasisto", la "jes, bwana", la viskio duobla, post la faligo de la elefanto, la belaj virinoj, kiuj akompanadas en ĉi tiu dekoracio, povas reveni al Kenjo. Studo de la Monda Banko pri la eblecoj de la ĉasado meditigas la gvidantojn de ĉi tiu lando en la orienta Afriko.

Se vi analizas iomete la prologon de la menciita artikolo, sendube vi miros pri ĝia enhavo. Interesa estas la fakto, ke la milionuloj per siaj kapricoj, luksoj kaj oftaj diboĉadoj estos kiuj solvos la senlaborecon en tiu afrika lando. La ideo estas genia kaj ĝi ankoraŭ estas multe pli eksterordinara, ĉar ja estas la Monda Banko, kiu financos tiun strangan entreprenon.

Vi jam legis: revenos "la blankaj sinjoroj", la viskio kaj la belaj virinoj, ĉu sur tiuj pilieroj oni povos solvi la problemon de la senlaboreco ?, ĉu tiamaniere oni povas konstrui justan kaj racian sociordon ? Revenos "la blankaj sinjoroj", kaj la indiĝenoj, kiel ĉiam, estos iliaj servistoj. Abundos la viskio, por "la blankaj sinjoroj", kaj la malsatantaj kaj soifantaj negroj devos trinki akvon, se tiu akvo ne estis rezervita por ke "la blankaj sinjoroj" sin banu, kun sia porokaza amatino, kies tasko estas amuzi la sinjoron milionulon.

La rolo de la Banko estas nenia malkovro, ĝi ja estas la celo de kiu ajn banko: plimultigi sian monon, sed, kiamaniere? Verŝajne tio ne gravas. Nun la negoco temas pri la mortigo de elefantoj. Tio, laŭ la Monda Banko, en kiu ĉiu ŝtato prenas parton finance, estas bona investo. Sed, kio okazos kiam oni mortigos ĉiujn elefantojn ? La negoco finiĝos, La Monda Banko iros en alian landon, kun sama aŭ simila celo kaj, tiamaniere oni skribas la historion, la progreson kaj la mortigon de la naturo.

Oni legas ankaŭ, en la menciita artikolo, ke la nuntempe eksterleĝa ĉasado de elefantoj estas multe pli grava ol se ĝi estus leĝe akceptita. La demando estas, kiu manipulas tiun ĉasadon ? Sen timo erari, oni povas certigi, ke la eburo vojaĝas al Usono, al Anglujo aŭ al aliaj landoj, kie la privilegiaj homoj povas havi siajn luksojn kaj kapricojn. Estas evidente, ke la indiĝenoj estas simplaj instrumentoj lerte uzataj de grandaj internaciaj avaraj monopoloj, kiuj akorde kun iuj enlandaj "negraj sinjoroj" eltiras superajn monprofitojn. Verŝajne nun la Monda Banko ankaŭ deziras preni parton, en la manĝado de la elefantaj kadavroj, sed sub la garantio de leĝoj, postulitaj al la tieaj registaraj instancoj. Estas du vojoj: unu aperas eksterleĝa, la alia leĝe registrita, sed ambaŭ suriras la saman vojon: la mortigon de elefantoj. Mi neniam estis en Kenjo, sed mi legis, ke tie estas granda mizero, multaj almozuloj en la grandaj urboj kaj malsatantaj homoj en la kamparo. Mi antaŭe pensis, ke la Monda Banko estis kreita por impulsi progreson en kiu ajn lando, sed precipe en tiuj landoj, en kiuj ankoraŭ la evoluo ne estas granda, sed mi eraris, ĉar verŝajne la tasko de tiu banko estas mortigi la elefantojn.

Mi ankaŭ pensas, ke la plej bona sistemo por forigi la malsaton estas la kulturigo de la tero kaj ĝuste estas tiu la socia faceto, en kiu la Monda Banko devus investi sian monon. Kulturigo de grandaj kampoj kaj preparo de la grundo por semado kaj posta rikolto, sendube estus multe pli profita por la lando ol la mortigo de elefantoj. Instruado al la tieaj indiĝenoj pri ĉiuj laboraj taskoj de la agrikulturo estus multe pli profitdona por la kenjanoj, ol la instruo al kelneroj por servadi la viskion al la "blankaj sinjoroj". Ĉiam estis la sama kanzono, la ekspluatado de la naturaj riĉecoj kaj la mizerigo de la landoj.

En la artikolo estas iuj klarigoj, kiuj tremigas mian menson. La Monda Banko kalkulas, ke ĉiu rajtigita ĉasisto devus pagi 230 dolarojn ĉiutage, kaj po 1.000 dolarojn por elefanto mortigita. Oni diras en la studo aŭ projekto de la Monda Banko, ke oni povus mortigi 50.000 grandajn animalojn. Inter ili, krom la elefantoj, troviĝas la antilopoj, bubaloj, ĝirafoj, kaj oni aldonas, ke tiu amasa mortigo, estus nenia problemo por la ekologia ekvilibro de la lando.

La nura konkludo de tiu projekto estas la konsciiĝo de ĉiu homo por savi la naturon kaj ĝiajn loĝantojn. Oni devas haltigi la senmezurajn monprofitojn de iuj leĝaj organizaĵoj, kies celo estas sia financa povo, spite al tio, ĉu ili agas for de la leĝoj de la naturo. Nia terglobo iom post iom senarbiĝas, miloj da animalaj specoj kaj floroj malaperas konstante. Eviti tiun degenerigon de nia medio estas la tasko de ĉiu konscia homo. Eĉ mi pensas, ke la simpla skribo de ĉi tiu artikolo, jam estas kontribuo por defendi la naturon, kiu fine estas la fonto, kiu donas al ni vivon kaj el kiu ni suĉas ĉiujn niajn bezonaĵojn. La Banko Monda diras, ke la mono devas moviĝi, jes la mono devas moviĝi, sed por krei plej bonajn vivokondiĉojn, neniel por atenci kontraŭ nia patrino, la naturo.

LUIS SERRANO PEREZ

SABADELL

***********

(daŭrigo de la paĝo 3)

sama paĝo.

DISTRIKTO DE "SENNACIULO", NUMERO 7 (950).

La t.n. DA kiu, en la 3ª kolumno de la paĝo 57 malaceptas s-ron ILI, en la linioj 1ª kaj 9ª.

La t.n. NEDERLANDOJ, kiu neleĝe anstataŭas s-ron NEDERLANDANOJ en la samaj paĝo kaj kolumno, linio 14ª.

La t.n. ĈALEDO, kiu uzurpas la oficon de s-ro ĈALETO en la linio 39ª de la 2ª kolumno de la paĝo 59.

DISTRIKTO DE "ESPERANTO", NUMERO 939 (3).

La t.n. MANPLENO, kiu rekulpiĝante, uzurpas la lokon de s-ro PLENMANO en la linioj 18ª kaj 19ª de la 2ª kolumno de la paĝo 42.

Doninte al ĉiuj menciitaj arestitoj po kvin batojn per la kvin pintoj de nia verda stelo, ili estis tuj liberigitaj.

Esperburgo, la 30-an de Oktobro 1.984

LA ĈEFKOMISARO,

AL. ZIBJADES.

# ĤIĤONA MONDFAMA ARTISTO

JOZEFO ALFREDO MARTINEZ VALDES, artisto laŭ naturo kaj konvinko. Li naskiĝis en Hiĥono kaj denaske suferas plenan handikapaĵon. Ĉi tiun situacion li suferas kun granda kuraĝo; tio estas mirinda, kiel vi poste povas konstati. Lia handikapo ne permesas al li liajn naturajn movojn per brakoj kaj kruroj; li superas ĉi tiun problemon per sia buŝo, tiel esprimiĝas lia arto kaj ĉiuj ludoj. Kiam li estis ankoraŭ infaneto li foriris de Hispanio al Kubo, kun siaj gepatroj kaj fratino. Ili loĝis en Havano, kie li komencis la unuajn desegnaĵojn kaj koloraĵojn; kiel kelkaj infanoj li pentris la plej allogajn motivojn: aŭtomobilojn kaj aviadilojn. Akompanas lin siaj amiketoj en tia aktiveco. Poste, li sola komencis pentri per akvarelo.



Pro kelkaj eventoj de lia vivo li foriris al Miami (Usono). En ĉi tiu urbo li komencis studadon pri pentraĵo. Pro tia motivo li aĉetis artajn librojn, kie li akiris bezonajn elementojn. Malmulte da tempo poste li aranĝis la unuan ekspozicion, prezentis pentraĵojn pri diversaj temoj. Li atingis bonan sukceson. Tio signifis instigon por daŭrigi lian celon.

En la jaro 1.970 li revenis al Hispanujo kaj ĉi tie daŭrigis la studadon kaj laboron. La lernado nun estis sub aŭspicioj de profesoroj kaj per korespondado, ne rekte. Li finiĝis la lernadon tre bone. Ĉar li antaŭe faris peton por aniĝo al la ARTA ASOCIO DE HANDIKAPULOJ (tiel nomata ARTIS-MUTI) pro tia kaŭzo li devas prezenti du pentraĵojn, kiuj estis akceptitaj kiel plenmeritaj, kio estis dorsapogilo por lia eniro en la cititan asocion.

Li en Gijón definitive loĝas, daŭrigas obstinan klopodon por venki lian handikapon, studi, pentri, lukti kontraŭ fato kaj venki. Lia fera volo avancigis ĉiufoje plian sukceson en la arta aktiveco ĝis atingo de la kvalito kiu li hodiaŭ posedas. Tio estas mirinda por propaj kaj fremdaj personoj.

Ĉi tiuj liaj vortoj esprimas pli bone lian valoron:

La plej feliĉa momento de mia vivo estis kiam la ARTA ASOCIO DE HANDIKAPULOJ en Vaduz (princolando de Liĥtenstejno) akceptis mian peton. Mi laboris multege kaj suferis korpe. Mi klopodis por ampleksigi lertecon kaj kvaliton en mia agado. Ankoraŭ mi lernas ion ĉiutage.

Alia feliĉa tago estis en la jaro 1.981, kiam en la Franca Ambasado de Madrido mi ricevis medalon kaj diplomon GRAN PRIX HUMANITAIRE DE FRANCE, pro miaj servoj al la arto. Krome de ĉi tiu premioj mi gajnis diversajn diplomojn, kiel la CROIX DE HONNEUR DE L'EDUCATION SOCIALE DE FRANCE, la CERTIFICATE OF APRETATION BY DISABLED ARTISTS, OF SISTER KENNY INSTITUTE (MINNESOTA, USA).

Li partoprenis en kelkaj kolektivaj Ekspozicioj. Ankaŭ li aranĝis individuajn ekspoziciojn, en la sekvantaj urboj:

**COLECTIVAS:** / KOLEKTIVAJ:
- Real Circulo Artistico de Barcelona. 1971
- Banco Internacional de Comercio de Madrid. 1980
- «Juvenalia» Palacio de Cristal de la Casa de Campo de Madrid. 1980.
- Patio de cristales del Ilmo. Ayuntamiento de Madrid. 1981
- Sala del Banco Central de Barcelona. 1981.
- Palacio de las Naciones Unidas de Ginebra. 1981

**INDIVIDUALES:** / INDIVIDUAJ:
- Casa de la Cultura de México. (Miami) 1965
- Agrupación Católica de Miami, Florida 1965
- Art Galery de Miami, Florida 1969
- Club Junior de Gijón. 1973.
- Caja de Ahorros de Asturias de Gijón. 1980
- Caja de Ahorros de Asturias de Avilés 1981
- Sala del Casino de Palma de Mallorca. 1982
- Galería Marola. 1983

JULIO ARGÜELLES

# KUIRANTE KUN PILAR

## ROSTITA ŜAFIDAĴO

INGREDIENCOJ: 1½ ĝis 2½ kg. da ŝafidviando.(Ŝultro aŭ femuro).

Graso por rostado.

Salo kaj pipro.

---

Viŝu la viandon per malseketa tuko, salu kaj pipru.

Metu la pecon da viando sur tripiedo en bakujon. Se la viando estas malgrasa, kovru per 1 aŭ 2 pecoj da graso.

Metu en varmigitan bakformon kaj rostu dum proksimume 30 minutoj je alta varmo. Malaltigu la varmon kaj daŭrigu rostadon.

Grasumu de tempo al tempo kaj turnu la viandon post 1 horo.

La bakadtempo por ĉiuj 500 g. estas 25 ĝis 30 minutojn, sed dependas de la dikeco de la viando.

BONAN APETITON !







# PERLETERA AMIKECO



## ADRESARO DE NOVAJ GEESPERANTISTOJ DE POLLANDO ( II )*

.MARCIN DOBIEGALA, 11 jaroj
PIECIOLINU 7m 19; 02-784 WARSZAWA

.MALGORZATA IWULSKA, 14 jaroj
PIECIOLINU 7m 33; 02-784 WARSZAWA

.JANISZEWSKI ZBIGNIEW, 15 j.
ALEKSANDROWSKA 3a; 87-600
LIPNO

.DARIUSZ KASOWSKI, 17 jaroj , SANTOCKA 14b/9 , 71-113 SZCZECIN

.DARIUSZ GAUDYN, 14 jaroj
NOVA HUTA 21/33; 31-607
KRAKOW

.ALEKSANDRA LINKE, MYSBOWICKA, 45 , 41-100 SIEMIANOWICE

JERZY NOWICKI, 39 jaroj, skr. poozt. 230 , 73-110 STARGARD

.MARZENA MVOZEK; 16 jaroj
poozt DEBOWIEC;86-071 CZAVZC

.ARKADIUSZ PODRUCKI, 15 jaroj , SOBIESIAKA 49/B/18 , 42-606 TARNOWSKIE GORY

.MARIA ROMANIAK, 15 jaroj , BRONIEWSKIEGO 24m122 , 01-771 WARSZAWA

.GRAZYNA WENDT SLASKA 35/15
80-379 GDANSK PIYMONE

.ADAM MA TUSIEWICZ, GDANSKA 42/5 , 41-800 ZABRZE KATOWICKIE

.RENATA SZPANKAWSKA, 16 jaroj , GOZD, 61 , 26-040 LGEZNA-KIELECHIE

.AGATA DOBZANSKA, MARCISZOW 55/1
58-400 MARCISZOW

.HENRYKA TOBOREK, 14 jaroj
ZUBIZYCKIEGO 44/15; 41-605 KATOWICKIE

.SEBASTIAN GIENZAL, 12 jaroj
STARA DUBROVA; 73/112 SZERECIN

.JADWIGA ANDRZEJWSKA, 19 j.
JOMICKIEGO 25m2; 61-117 POZNAN

.MARIUSZ JEDRZEJEC, 11 jaroj
DAMBROWA GORNICZA; 41-303 CEDLERA 1*/54

.MARIUSZ MALINOWSKI, 12 jaroj
ZUKOMA 40m35; 95-200 PABIANICE

.WIOLETTA CHREASZCHEWSKA, 14 j.
DUBOIS, 90/50; 87-800 WLOKAWEK

.RAFAT POKALO, 9 jaroj
SOKOLSKA 29mo; 00-865 BIALISTOK

.ANIELLA BIEROWKA, 18 jaroj
JOKARNIA 225, 32-436 KRAWKOSKIE

.BOZENA MOCEKC, KORBIELOW 206
34-335 BIELSKIE

.KATARZINA HANSKA, 14 jaroj
SLONECZNA 10/31; 40-135 KATOWICE

.BARBARA HANSKA, 14 jaroj
SLONECZNA 10/31; 40-135 KATOWICE

.STAWEK LISZEWSKI, 1*MAJA, 55
42-300 MYSZKOW CZESTOHKOWA

.WITOLD KEDZIOLA, 17 jaroj
METALOWA 46; 70-727 SZCZECIN 13

.ANIA BLACHUT, 12 jaroj
LENKAWICA, 324; 34-321 WOJWUTWO BIALA

.GRAZYNA MATYSIK, ZADDE, 44/39
40-719 KATOWICE-LIGOTA

.MAGDALENA OCHALEK, 13 jaroj
WESTERPLATTE, 12/40; 10-446 OLSZTYN

.JANINA STREBLOW, 14 jaroj
KOSCUSZKI, 13*; 74-225 PRZCINSKO-ZDROJ

.VIOLETTA KARCZWSKA, 14 jaroj
ZANKOWA 15/6; 87-300 BRADNIKA

.ARTUR TANCZEWSKI, 14 jaroj
STARY RYNEK, 7; 09-320 BIEZWI-CIECHANOW

.YOLANTA RODZIEWIEZ, 16 jaroj
USOWSKA, 80/51; 04-351 WARSZAWA

.JOANNA KAMINSKA, 17-304
CZARTAJEWO; voj. BIALYSTOK

.ZBIGNIEO MATYJEWIER, 14 jaroj
BIELSKA 712; 59-700 BOLESTAWIEC

.BENEDYKY NOWAK, 19 jaroj
1* MAJA 244/9; 41-710 RUDA SLASKA 10

.HALINA WOJTCZAK
BIELIN 11; 74-127 MORYN

.JAROSLAW SNOLEN, 15 jaroj
POWTANCOW WLKP52/30; 70/130 SZAZECIN

.WOJCIECH KUPCZAK, 14 jaroj
CISIEC, 662; 34-350 WEGIERSKA GORKA

.GREGORI TRZCINSKI, 17 jaroj
KOLLATAJA 16/76; 33-300 N.SAW

.MALGORZATA GIL, 14 jaroj
ul. SAPEROW 1; 05-500 PIASECZWO

.JERZY TKACZYK, ul. WYBRZEZEKOSCIUSKI 72-22; 37-704 PRZEMYSL 6

.JOLANTA JAROSZ, 14 jaroj, RADZIEJOW, 22-137 SIEDLISZEZE, voj. CHERM

.ILONA LOPACINSKA, 17 jaroj
ul. KILINSKIEGO 190/8; 93-106 TOOZ

.RENATA KUBIK, 16 jaroj, PGR JURNO, 22-246 SOSNOWICA, voj. CHELM

.DANUTA KIEL, Pl. OBRONKOW POKGU 5m2; 66-200 SWEBODZIN

.ALI SKORUPKA, 17 jaroj
ul. WOLNOSCI 3; 44-229 CHUDON, KATOWICE

.KATARZYNA BOLISZENSKA, 15 jaroj, ul.
PANA TADEUSZA 2m20; 10-461 OLSZTYN

.HANNA PORYLAK, 13 jaroj
ul. GROCHOWA 34/13; 53/424 WROCTAW

.ANDRZEJ MOJSAK, 16 jaroj
T. KOSCIUSZKI, 45; 64-130 RYDZINA, LESZNO

.HANNA GONDEK, 16 jaroj, ul. KLONOWA 13/5
voj. CIECHANOW

.CIOLCZYK BARTEK, ul. KACZENCOW 7
32-521 JAWORZNO

.PIOTR MAZUREK, 15 j. SUCHODOLY
37-448 LISNIK DUZY, voj. TAMOBRZEG

.FILIPEK JOLANTA, 18 j. IWERZYCE 84
39-124 IWERZYCE; RZESZOW

.BEATA GORA, 13 j. KATOWICE
40-174; ul. LUKSEMBURGO 8/2

.BEATA ZURONSKA, ul. MICKIEWICZA 2/1
82-500 KWIDYN, voj. ELBLASKIE

.BEATA ZUKOWSKA, 17 jaroj
ul. PRZECODNIA 6/3; 18-200 WYSOKIE MAZ

.KAZIMIERZ LESNIAK, 16 jaroj
DYBAWKA 43; 37-741 KRASICZYN

.BEATA ZABEK, 15 j.; SIEROSLAWICE 60
32-124 SMILOWICE, voj. KRAWKOWSKIE

.BEATA GAWINSKA, GOCLAW; SZKOLA PODSLAWOWA
08-440 PILAWA, voj. WIEDLECKIE

.RENATA KULESZA, ul. KOPERNIKA
14-9; 39-400 TARNOBRZEY

.KRZYSZTOF ZURANSKI, sama adreso ke
BEATA ZURONSKA

.ROMAN KAWULDI, 14 j.; ZAMARSKI 236
43-419 HAZLADI, voj. BIELSKO-BIOTA

.PIOTR BATORSKI, 11 jaroj
ul. STOWACKIEGO 19; 32-400 MYSLENICE

.EWA WAWRYNIAK, ul. BACZKIEWICZA 4a/9
63-800 RAWICZ

.ALICJA SZCZEPANSKA, 17 j.; ul. LUD POLSKIEGO 8c/3; 83-300 KARTUZY, voj. GDANSKIE

.SYLWIA KURSTAK, 18 j.; OSWDLE 30-tolecia PRL 11/2; 64-980 TIZIANKA Lub voj. PILA

.HENRYK KAMARANSKI, ul. STRATOWSKA 3m5
71-730 SZCZECIN

.KATARZYNA KULAWIAK, 18 j.; Os POWSTACOW Sl. 12E/3; 44-240 ZORY

.MONIKA SZMIT, 15 j.; ul. Ks SKORUPKI 4/33; 05-820 PIASLOW WARSZAWA

.ADAM SULZYNSKI, 14 j. DUBOWO
16-505 BERZNIKI voj. SUWOLSKIE

.MIROSLAW SZYMANSKI, 16 j.; TRZYGLOW 43/B4; 72-300 GRYFICE voj. SZCZECEN

.LUBA ODROBINA, 15 j. ul. GDYNSKA 72; 62-004 GZERWANAK, voj. POZNAN

.KATARZYNA MEHLBAUER, 15 jaroj
UL. PSZCZYNSKA 48; 43-190 MIKOLOW

.MALGORZATA MIERZWA, 17 j.; SZANIEC 2016; 28-107 SZANIEC voj. KIELECKIE

.JANUSZ SPERRA, 15 j.; ul. KROTKA 13; 77-424 ZAKRZEWO, voj. PILA

* La 1ª adresaro aperis en 36ª numero de "HELECO", de Januaro-Februaro/84

# DISTRAĴOJ

## Supo de literoj

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| O | I | S | A | N | J | E | B |
| T | P | O | L | A | U | V | A |
| E | R | M | T | I | P | A | N |
| S | A | K | U | F | O | R | N |
| R | U | M | O | R | A | L | E |
| O | D | U | M | E | T | A | G |
| K | O | T | O | L | A | Ŝ | I |
| A | B | A | R | T | S | U | L |

Tiu ĉi kvadrato plena da literoj enhavas ses nomojn de virinaj vestaĵoj. Serĉu ilin !
Por la celo vi povas legi horizontale, vertikale kaj eĉ diagonale en ambaŭ direktoj sed ne transsaltu literojn.

## K R A D O E N I G M O




HORIZONTALE:

1) Konj., indikanta, ke la sekvanta frazo estas la klarigo de la antaŭa.Interj. signifanta energian forpelon aŭ rifuzon. 2) Malfacile kaj brue spiri.Prepari sekrete ruzan rimedon,,por trompi kaj malutili. 3) Ano de unu branĉo el la turka popolo, iam regita de Osmanli la Iª.
4) Ebena tegmento kun balustrado.Gastropodo.
5) Oka litero de la greka alfabeto.Estaĵo de idnaska sekso.

VERTIKALE:

A) Kondamni al la punoj de la Infero.Perioda enspezo de proprietulo, kiun li ricevas de farmanto por la uzado de la grundo, domo kaj maŝinaro. B) Granda birdo, blanka kun nigraj flugiloj, el la ordo de procelariformaj birdoj, vivanta sur la sudaj maroj. C)Seksa inklino al iu. Ĉ) Natura kaj neevitebla kontraŭeco, devenanta de la leĝoj mem de la homa racio. D) Fadeno el bestaj intestoj aŭ el metalo por muzikaj instrumentoj, kiun ŝtreĉitan oni vibrigas jen per fingroj (gitaro, harpo), jen per arĉo (violono), jen per marteletoj (fortepiano). Eĥino.

## SOLVOJ AL LA ENIGMOJ APERINTAJ EN LA 37ª NUMERO DE "HELECO"

HELECO-ENIGMO:
HORIZONTALE:
A) Ĝado.Ulno. B) Ideo.Pruo. C) Proklami.Sovi.Luko. Ĉ) Odometro.Puni. D) Omleto. E) Ileo.
VERTIKALE:
1) Ekspliki. 2) oiluP. 3) Uzino. 4)Ovo 5) Sakarino. 6) Poŝto. 7) Oni. 8)Leono 9) Plori. 10) Ikono.

KUBOMANIO:
La serĉitaj literoj estas: A, D kaj T. La vortoj en kiuj aperas ĉi tiuj literoj, estas: 1) Keo. 2) Teko. 3) Keto. 4) Kato. 5) Dokta.

SUPO DE LITEROJ:

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| O | T | A | K | O | V | D | A |
| R | O | O | J | A | K | O | K |
| E | S | T | N | M | I | L | T |
| I | E | S | N | U | R | Q | O |
| K | A | I | P | E | N | H | R |
| N | L | S | J | U | G | I | O |
| A | N | A | Ĥ | O | J | A | N |
| B | U | Ĉ | I | S | T | O | S |

## K U B O M A N I O




Jen estas ok egalaj kuboj kiuj havas literojn en ĉiu flanko. Nome: Ĉ, Ĝ, Ĥ, Ĵ, Ŝ, Ŭ. Solvon serĉu per jena demando: Kiu litero kontraŭstaras al tiu flanko, kiu havas literon Ĉ, Ĝ, Ĥ, Ĵ, Ŝ, Ŭ ?

## LABIRINTO

Kiun vojon devos elekti ĉi tiu samideano por atingi la ĉijaran kongresejon.

